XIIª jaro. Nº 182 (10) ☆ Monata ☆ 5 oktobro 1915

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I.824.—Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

IV

Resumo de la antaŭaj artikoloj: Ekzameno de la vidpunkto, kiu dependigas la solvon de la pacproblemo el individua aŭ socia transformiĝo, religia, ekonomia, politika aŭ kultura. Tiu vidpunkto malatentas la veran karakteron de la pacproblemo, kiu ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun komprenita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro, t. e. komune akceptitaj jurprincipoj pri la interŝtataj rilatoj, kaj la necesaj trudrimedoj, t. e. internacia armeo. La respekto de la juro estas efiko de la ekzisto de trudforto.

Por montri la malfacilaĵojn, kiujn renkontas la apliko de la arbitracia procedo je la solvo de la politikaj konfliktoj, ni citos kelkajn ekzemplojn. Kiam oni teorie parolas pri interŝtataj malkonsentoj oni estas inklina starigi plenan analogion inter ili kaj la interhomaj malkonsentoj en la civila vivo. En la realeco, la internaciaj konfliktoj havas alian karakteron kaj ne povas esti juĝataj per tute samaj rimedoj. Tion evidentigos la jenaj ĝeneralaj ekzemploj, kiuj rezultas el multaj faktoj de la historio.

*Unua ekzemplo:* Estu la ŝtatoj A. kaj B. Sur la teritorio de la ŝtato A. loĝas diversgentaj popoloj.[1] Kontraŭe, la popolo de la najbara ŝtato B. apartenas al sama gento, kiun ni nomos *b*. Inter la diversaj gentoj, el kiuj konsistas la loĝantaro de la ŝtato A., ĝuste troviĝas pli-malpli granda nombro de homoj apartenantaj al la gento *b*., parolantaj saman lingvon kaj dividantaj la saman kulturvivon. La ŝtato B. politike celos al tio, ke la loĝantoj *b*. en la ŝtato A. estu kunigataj al ĝi, tiel ke ĉiuj gentanoj *b*. grupiĝu en la ŝtato B. Tiu politiko estas kontraŭa al la interesoj de la ŝtato A., kies tutecon ĝi minacas. Ĝi do energie kontraŭstaros al la pretendoj de la nacio B. kaj, por forigi la danĝeron, penos ĉiumaniere malfortigi la najbarŝtaton.

Tiu kontraŭeco starigas la demandon pri unugenta aŭ plurgenta ŝtato. Demando vere tre malfacile solvebla ĝi estas, ĉar la sperto mem liveras pri tio nenian montron. Ekzistas prosperaj regnoj unugentaj kaj prosperaj regnoj plurgentaj. Ĉiu vidpunkto trovos do fervorajn defendantojn. Unuj asertos, ke ŝtato konsistanta el pluraj pace kunvivantaj gentoj reprezentas pli altan civilizŝtupon. Aliaj esprimos la opinion, ke estas pli juste grupigi samgentanojn en unu sama ŝtato, kiu posedos plian homogenecon kaj elmontros pli fortan originalecon. Tria partio petos, ke antaŭ ol decidi pri tia demando oni antaŭ ĉio konsultu la koncernan loĝantaron.

Kompreneble ni montras nur la simplajn elementojn de la problemo, kiu en la realeco estas pli komplika, ĉar oni devas ankaŭ prijuĝi la politikan situacion de la loĝantaro *b*. en la ŝtato A. (rajtegaleco rilate al aliaj gentoj aŭ speciala traktado) kaj la ligsistemojn, al kiuj apartenas la koncernaj ŝtatoj, kun iliaj reagoj je la ĝenerala politika situacio. En la nuna stato, tuj kiam unu el la landoj A. aŭ B. sentos sin sufiĉe forta diplomatie kaj militiste, ĝi kaptos favoran okazon por militi kontraŭ la alia, sub preteksto, kiu neniam estas malfacile trovebla — ĉar ekzistos ĉiam juristoj, kiuj scios pruvi, ke ilia propra nacio estas prava. La forto de la armiloj do tranĉos la malkonsenton, sed eble ne solvos ĝin.

[1] Ni nomas *gento* popolgrupiĝon karakterizatan per komuneco de lingvo kaj kulturo. *Ŝtato* aŭ *regno* estas politika organismo. (Ekz.: La svisa regno konsistas el tri gentoj: germana, franca, itala).

Ni supozu, ke tia konflikto estas arbitracie juĝota. La demando en ĉi tiu okazo ne temas pri formalaj rilatoj inter ŝtatoj, sed pri ilia interna konsisto. En la nuna embria stato de la internacia juro, ekzistas nenia regulo, kiu ebligas solvi tian aferon. La arbitracia decido sekve ne povos havi juran karakteron. Ĉar ĝi ne estos la apliko de fiksita kaj akceptita juro, sed nur la opinio de la juĝantoj, ĝi estos certe tre vigle kontraŭstarata kaj, kia ajn estas la senpartieco de la arbitraciantoj, mankos al ĝi ĉia aŭtoritateco. Plie, kion povus decidi tribunalo, kiu havus nenian alian regulon ol sian bonplaĉon? Ĉu ĝi decidos la daŭrigon de la *statu quo* — solvo, al kiu oni estas inklina okaze de embaraso, kaj kiu cetere estas konforma al la principo de la plensuverena kaj sendependa nacio, sankta al ĉiuj pacifistoj? Ĉu ĝi favoros la pretendojn de la ŝtato B., kaj tiamaniere aprobos la tiel nomatan gentoprincipon (principo de la naciecoj), kies aplikon povos postuli aliaj samkondiĉaj ŝtatoj? Ĉu ĝi starigos regulan voĉdonadon de la loĝantaro *b.* en la ŝtato A.? Ĉu ĝi elektos mezan solvon, kiu malkontentigos ambaŭ partiojn kaj lasos la demandon ne solvita, ekzemple la memstareco de la loĝantaro *b.* en la ŝtato A.? Ĉiuokaze, kia ajn estos la alprenita solvo, ĝi ĉiam estos arbitra, ĉar mankos al ĝi la antaŭe akceptita jura fundamento. La fiksado de la juro estas do la necesega kondiĉo de ĉiu vera internacia justeco.

La demando pri la sankcio ne estas malpli grava. Ĝi eĉ estas ankoraŭ pli grava: En ekstrema okazo, decido sen jura bazo povus esti trudata, se je la dispono de la juĝopovo ekzistas trudforto, sed laŭjura juĝo povus esti tute nuligata, se mankas efika sankcio. Ni allasu, ke la arbitracia tribunalo decidis voĉdonigi la koncernan loĝantaron *b.* Por ke tiu voĉdonado estu serioza, necesus, ke ĝi okazu ekster la partopreno de la du partioj kaj sub senpartia internacia kontrolo. Kion oni faros se la ŝtato A. rifuzas momente cedi sian suverenan aŭtoritaton super la teritorio *b.* kaj kontraŭstaras al la apliko de la arbitracia decido? Se oni ne volas, ke la decidoj de la internacia juĝopovo estu mokaĵo, estas necese, ke ili laŭbezone povu esti trudataj al la regnoj, kiuj ne konformiĝus al ili. Kaj kiel trudi ilin, se la juĝopovo ne posedas la necesajn trudrimedojn, t. e. armeo sufiĉa por devigi al obeo eĉ la plej potencan ŝtaton?

*Dua ekzemplo:* Estu la ŝtatoj E. kaj F. La unua, favorita de la cirkonstancoj, almilitis multajn prosperkapablajn koloniojn, sed pro neelmigremo ĝia enloĝantaro establiĝas en tiuj kolonioj nur je tre malgranda proporcio. La ŝtato F. havas densan entrepreneman loĝantaron, sed neniun kolonion aŭ nur netaŭgajn. Ni supozu, ke la ŝtato E. ĝuste havas tian kolonion, kiu taŭgus por la troa loĝantaro de la ŝtato F. Tiu ĉi estos inklina pretendi je la nomita kolonio, kaj por sin pravigi ĝi povas aserti, ke tia stato estas nek justa, nek konforma al la progrespostuloj de la civilizacio. Aliparte la ŝtato E. povas respondi, ke ĝi tute ne volas oferi al alia lando koloniojn, kiujn ĝi akiris per multe da sango kaj mono. Jen kaŭzo de eventuala konflikto.

En la civila vivo tia kontraŭeco ofte aperas: Ekzistas riĉuloj, kiuj per sia mono povus aranĝi utilajn entreprenojn kaj pro diversaj kaŭzoj preferas nenion fari, kaj ekzistas malriĉuloj, kiuj, se ili havus monrimedojn, estus kapablaj efektivigi tiajn entreprenojn, dank' al sia inteligento kaj energio. Sed tiu konflikto pace solviĝas, ne per tio, ke la malriĉulo ŝtelas la riĉulon — kiel agus la ŝtatoj en similaj kondiĉoj — sed per tio, ke, per certaj vojoj, la riĉulo metas la forton de sia kapitalo al la dispono de la malriĉulo, kiu siavice povas riĉiĝi. Rilate al la koloniaj teritorioj tia interŝanĝo bedaŭrinde ne estas kutima. La regnoj preferas konservi senutilajn koloniojn ol profite interŝanĝi kun tiuj, kiuj ilin utiligus. Tion postulas la nacia honoro.

Se tia demando estus submetata al arbitracia tribunalo, tiu ĉi verŝajne decidus, ke restu la *statu quo,* t. e. la konflikto tute ne estus solvata. Estas eĉ tre dube, ke tia pretendo estas arbitraciebla. Ĝi tamen kun partopreno de aliaj elementoj povas kaŭzi militon.

Rilate al tiu ekzemplo, oni eble kontraŭdiros, ke la loĝantoj de la ŝtato E. ĉiam havas la rajton enloĝiĝi en aliaj landoj aŭ aliaj kolonioj. Al tio la regno E. povas respondi, unuflanke, ke tiamaniere ĝiaj elmigrintoj, aŭ almenaŭ iliaj idoj, alinacianiĝos kaj tiel forlasos la kulturon de la hejmolando, aliflanke, ke estas nenia kaŭzo por ke ĝi ne ĝuu tian ekspansian eblecon, kiun aliaj ŝtatoj profitis ne sole el ekonomia, sed ankaŭ el kultura vidpunkto. Tiu konflikto do ne estas pure ekonomia, kiel ĝi ŝajnas; ĝi ankaŭ havas kulturan, t. e. idean kaj sentan, fundamenton.

*Tria demando:* Estu la ŝtatoj I. kaj K. La unua havas multnombrajn elmigrantojn, kiuj, pro ekonomiaj aŭ geografiaj kaŭzoj, enloĝiĝas en la najbara ŝtato K. Post certa tempo, alta partumo de la loĝantaro de la lando I. konsistas el devenintoj de la ŝtato K., kiuj ne havas politikajn rajtojn kaj sekve ne havas influon je la regado de la ŝtato, kie ili laboras. La ŝtato I., timante, ke tiu enmigrado iom post iom modifos la nacian karakteron kaj kreskigos la influon de la ŝtato K., alprenas diversajn restrikciojn por limigi la enmigradon kaj agadon de la fremda loĝantaro. Instigite de la ŝtato I., la „fremduloj“ postulas sian parton de influo en la regado de la regno de ili loĝata, al kio la ŝtato K., plene suverena, rifuzas cedi. Simila demando antaŭ kelkaj jaroj kaŭzis longan nun forgesitan militon.

Kion povus decidi arbitraciantaro? Pro manko de ĉia regulo en la ĝisnuna internacia juro, ĝi alprenos tute arbitran decidon, kiu, sin apogante sur nenia juro, estos ĉiam facile kontestebla. Kontraŭe, la konflikto aŭtomate solviĝos aŭ, pliĝuste, eĉ ne okazos, se la farota internacia juro fiksas tiun gravan demandon, ekzemple antaŭvidante templimon, post kiu fremduloj enloĝantaj fremdlande ĝuos politikajn rajtojn sub rezervo de reciprokeco. En tia okazo, nenia decido estas akceptebla, se ĝi ne bazas sur jurprincipo jam antaŭe konsentita.

*Kvara ekzemplo:* La ŝtato O. militiste okupas kaj administras la teritorion loĝatan de la popolo P., pravigante sin per tio, ke la popolo P. estas nekapabla regi sin mem, kaj el tio rezultas malordoj, kiuj grave malutilas la interesojn de la ŝtato O. Post kelkaj jaroj, la popolo P. agitadas por forigi la entrudon de la okupinto kaj restarigi la nacian sendependecon. Al tiu agitado kontraŭstaras la ŝtato O., kiu, pretekstante la nekapablecon de la popolo P. je memregado, pretendas daŭrigi la okupadon kaj malhelpi ĉiun emancipemon.

Tiu demando unuavide ŝajnas rilati al la internaj aferoj de la ŝtato O. En la realeco ĝi tamen povas konduki al internacia konflikto, unuflanke ĉar la popolo P. neniam akceptis la plenumitan fakton, aliflanke ĉar la dependeco aŭ nedependeco de la teritorio P. eble havas gravajn konsekvencojn je la mondpolitiko. En tiu ekzemplo la konflikto ne estas inter suverenaj ŝtatoj. Tamen el ĝi povas rezulti gravega milito, — liberiga milito laŭ unuj, ribelo laŭ aliaj. Ĉu tia konflikto estos transdonata al arbitracio, aŭ ĉu, konsiderante ĝin kiel internan aferon de la lando O., oni lasos tiun ĉi lastan fini ĝin perforte? En la lasta okazo, oni devas do konkludi, ke malgraŭ la ekzisto de internacia juĝopovo sangoplenaj militoj ne estas eviteblaj. Por ke tia malkonsento estu arbitracie juĝebla, necesus unue, ke la arbitracia tribunalo povu juĝi ne sole la interŝtatajn konfliktojn, sed ankaŭ la demandojn, kiuj rilatas al la interna strukturo de la nacioj. Tio ĉi signifus, ke la principo de la suvereneco kaj absoluta sendependeco de la ŝtatoj devas suferi gravan limigon. La plendoj de la popoloj sin dirantaj

subpremataj estas allaseblaj nur se ekzistas internacia juro fiksanta ne sole la rilatojn inter jam formitaj ŝtatoj (ŝtatrajtoj), sed ankaŭ la kondiĉojn, laŭ kiuj la popoloj povas grupiĝi konforme al siaj aspiroj, elirante el ekzistantaj ŝtatoj kaj formante novajn (popolrajtoj). Pri tiu tre grava demando ni reparolos poste. Ni nun nur konstatu, ke eĉ se ekzistus juĝopovo por la interŝtataj konfliktoj, la milito ne estos forigebla dum vivas popoloj, kiuj, pretendantaj memstare ekzisti, devas rompi siajn ligilojn nur perforte, ĉar ili ne havas la povon triumfigi sian idealon pace, konforme al pozitiva juro.

Ni facile povus plimultigi la ekzemplojn kaj pli longe pritrakti iliajn eblecojn. El la faktoj de la historio, ĉiu senpene starigus similajn problemojn. Ni tute ne celas substreki la neeblecon pace solvi la supre skizitajn konfliktfontojn. Kontraŭe, ni opinias, ke ili estos solveblaj kiam asocio de la ŝtatoj estos starigita sur la bazo de pozitiva juro kaj provizita je la necesaj politikaj organoj. Ni nur deziris montri, ke la arbitracio, kiel oni ĝin proponis ĝis nun, t. e. sen jura fundamento kaj sen trudrimedoj, estas nekapabla solvi la malkonsentojn, el kiuj devenas la modernaj militoj.

Por alpreni tiun konvinkon, necesas, ke oni konsideru la internaciajn konfliktojn laŭ iliaj *veraj kaŭzoj* kaj ne laŭ la *pretekstoj* elektitaj por okazigi la militojn. Tio estas tre grava diferenco, kiun ofte malatentas la arbitraciemuloj. Efektive, la motivoj de la *casus belli* ofte rilatas al faktoj, kiuj ŝajnas malgravaj en si mem. Sed oni ne eraru! Tiuj faktoj tradukas streĉostaton, kies veraj kaŭzoj estas intence lasataj en la mallumo. La teksto mem de la ultimatumo tute ne montras ilin. Tre ofte la faktoj en ĝi citataj estas trograndigataj aŭ malĝuste prezentataj, eĉ kelkfoje tute elpensataj. — Sed trans la faktoj pli-malpli trafe elektitaj, estas facile difini la verajn kaŭzojn de la malkonsento. Samaj faktoj povas fariĝi *casus belli* inter du ŝtatoj, kies politikaj interesoj kontraŭstaras, dum inter aliaj ŝtatoj ili estas pace solvataj meze de ĝenerala indiferenteco. Oni povas klare diferencigi la pretekstojn el la veraj kaŭzoj, kiam oni konsideras la militon en ĝia fariĝado kaj en ĝia konkludo. Apenaŭ ekparolis la armiloj, la publika opinio malinteresiĝas je la ŝajnaj kaŭzoj kaj okupiĝas pri la veraj. Kiam la paco estas konkludita, la faktoj, cititaj en la ultimatumo, eĉ ne estas priparolataj de la pactraktato.

Nu, multaj pacifistoj prijuĝas nur la laŭvortan sencon de la ultimatumo kaj de la diplomatiaj dokumentoj, ne ilian spiriton. Se oni ekzamenas la faktojn laŭlitere, ŝajnas, ke efektive ili devas esti facile solveblaj arbitracie. Sed kiam tiuj faktoj estas nenio alia ol preteksto aŭ okazaĵo el la profunda konflikto, ilin transdoni al arbitracio estus tute vana, ĉar restus la fundo mem de la malkonsento. Sufiĉus iu ajn okazaĵo, facile kreebla, por ke la tuta demando reaperu same akra. Oni povas taksi la valoron de la arbitracio nur se oni konsideras la internaciajn malakordojn en ilia vera karaktero.

El ĉio antaŭe dirita, ni do kredas, ke la jenaj konkludoj estas allaseblaj:

1e La arbitracio, kiel ĝi estis ĝis nun proponita kaj aplikita, estas oportuna rimedo por solvi la *ne*politikajn internaciajn malkonsentojn. Sed rilate al la pacproblemo tiu rolo estas malgrava, ĉar la militojn kaŭzas politikaj malkonsentoj.

2e La arbitracio estus aplikebla je la solvo de la politikaj malkonsentoj nur se ekzistus: *a)* internacia pozitiva juro, laŭ kiu estus solveblaj ne sole la interŝtataj konfliktoj, sed ankaŭ la konfliktoj inter popoloj kaj ŝtatoj; *b)* sufiĉaj trudrimedoj por devigi la ŝtatojn al la obeo de la komuna juro.

Internacia leĝo kaj internacia armeo: tio signifas do, ke inter la nacioj devas kreiĝi vera *politika* ligilo.

En la lastaj jaroj, valora tempo estis foruzita por tute malgravaj taskoj. Oni ellaboris regularojn pri la funkciado de la arbitraciaj tribunaloj, starigis multajn je la paca vidpunkto senutilajn arbitraciajn traktatojn, tre longe diskutis pri detalaĵoj, sed la fundamentan, la ĉefan, la necesegan taskon oni malzorgis, nome *interkonsenti pri la fundamentaj principoj de la internacia juro,* sen kio eĉ la plej kompetentaj juĝistoj povas agi nur arbitre kaj ĥaose. Oni kredis, ke la starigo de nova internacia ordo — unu el la plej grandaj revolucioj de la historio — estas realigebla per mekanikaj empiriaj proceduj, sen transformo de la politikaj ideoj, kiuj estas la bazo de la nuna ŝtatsistemo.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

 SOCIA VIVO 

## Natura leĝo kaj homa leĝo

„Scii, ke ni devenas el la simio devas esti al ni indiferente; grave estas, ke ni ne reiru al ĝi."

Pri tiu penso de Richard Wagner mi lastatempe rememoris aŭdante proklami en amika rondo, ke la milito estas homa leĝo, necesa leĝo! Tio ne estas vera. Tion oni ne devas kredi, tion oni ne devas diri. Estas necesege, ke ni liberigu nin el la sofismoj, kiujn la biologia scienco disvastigis tra la mondo. La milito estas nur la pretervivaĵo de naturinstinktoj, la humiliga restaĵo de primitiva, besta kaj sovaĝa stato, je kiu dum jarcentoj la homaro penis sin liberigi kaj pri kiu ĝi sin kredis baldaŭ liberigota.

La leĝo de la civilizacio, la leĝo de l' estonteco ne konsistas en tio, ke ni imitu la du unuajn virojn, kiuj sin ĵetis unu sur la alian pro virino aŭ terpeco. Ne malantaŭen ni rigardu; antaŭen ni iru! Ni ne devas imiti la homon, ankoraŭ senprudentan, ankoraŭ sklavigitan de la natura leĝo, leĝo de batalo, leĝo de defendo, laŭ kiu la pli forta devas superi la pli malfortan; senkora, sensenca, senanima leĝo, je kiu korespondas la tradicia bildo de la homo pelita el la paradizo, senigita je la dia paco kaj lumo, forĵetita en la suferon, pro tio, ke li cedis al la deziremo kaj voluptemo. Nia moderna vivo perdus ĉian valoron, niaj intelektaj fakultoj estus senpovigataj, se ni submetiĝus al tiu plorinda kaj kruela naturleĝo. La homeco estas nobla stato. Kia diferenco inter la besto kaj la homo, se tiu ĉi senribele akceptas tiun detruleĝon, kiu superregas la tutan subhoman universon? „La morto estas ĉie en la naturo; ĉie oni renkontas kroĉon, ponardon, pikilon, denton, pinĉilon, tenilojn, segilojn — teruraj maŝinoj, kiuj kaptas! La rabado estas leĝo en la ĥaoso de la vivantoj. De la malalta ĝis la pli alta, ĉiu produktanto estas ekspluata de la neproduktanto." Tiel parolas la granda poet-filozofa natursciencisto Fabre, la plej interesa el ĉiuj pro sia maltrankvilo pri la problemoj de la vivo. Legu ĝian „Vivon de la insektoj", relegu ĝin senĉese. Ĝi estas terura komentario de la nun premantaj nin okazantaĵoj! Ĉu la homoj estas ankoraŭ homoj, se laŭ siaj faroj ili similas al la skaraboj, se ĉe ili ni retrovas la plej malaltajn impulsojn, kiuj karakterizas tiujn skarabojn?

Tio, kion al ni rakontas Fabre pri la mimetismo de certaj insektoj, kiuj utiligas sian similecon je aliaj por sin kaŝi kaj englitiĝi kiel parazitoj, sugestas al ni humiligajn analogiojn kun la agoj de popoloj sin nomantaj civilizitaj! Ĉe la skaraboj, antaŭ kriplulo neniu haltas, neniu helpas; iafoje pasantoj alkuras al la invalido por ĝin manĝi.

Tiu praktiko rilate al la vunditoj ne ankoraŭ regas ĉe la militantoj, sed en la nuna periodo la homoj ne estas tre malproksimaj de tiaj kruelaĵoj.

La sterkoskaraboj sin reciproke rabas kun liberegeco, kiu ne havas pli karakterizitan ekzemplon ol ĉe la hodiaŭaj militantoj.

Fabre konfesas, ke „la konitaĵoj mankas por eltrovi la kaŭzojn de tiuj rabadoj". Li nur povas certigi, ke ĉe la skaraboj la rabado estas ĝenerala uzo. „Kiu estas la diplomato, li demandas, kiu ĉe ili honorigis la sovaĝan sentencon: la forto superregas la rajton?"

Ĉu tiu ironia demando ne estas tute laŭtempa? Pro sia supereco la homo devus esti ekster tiuj vojsulkoj. Li ne devus glori pri tiuj bestaj apetitoj. Por pli bone rabadi li elpensis la militon, la arton mortigi pogrande kaj glore fari tion, kio pomalgrande kondukus al la pendigilo! Ĉu certaj historiistoj ne diferencigis inter ambaŭ moraloj: „La ŝtatisto, skribas unu el ili, ne rajtas varmigi siajn manojn super la fumantaj ruinaĵoj de sia patrujo, sin konsolante per tio, ke li neniam mensogis! Ĉar ne mensogi estas vivo de monaĥo!" La ŝtata moralo do ne estas sama kiel la individua moralo? Kial? Kaj en la nomo de kiu principo oni trudas al ni tiun abomenan sofismon? Per tiaj ideoj oni malproksimigas la homaron de ĝia vera celo, de ĝia vera vojo. Eble, tiel pensis Fabre, la homaro ne ankoraŭ ekzistas. „La nuna homaro, li skribas, estas senforma kaj grimaca skizo, kaj ĝia nuna vivo estas teatraĵo, kiu ŝajnas verkita de frenezuloj kaj ludata de ebriuloj, kiel diris Will. Sed la vero marŝas, ĝi vojiras, ĝia triumfo alproksimiĝas, ĉiuj homamaj spiritoj al tio laboras. Estus senesperige, se ni neniam vidus realigata la belegan revon, kiu ĉiudimanĉe kantiĝas en la plej eta vilaĝa preĝejo: *Gloria in excelsis Deo et pax in terra hominibus bonae voluntatis!*"

Sed por tio, estas necese, ke ni forĵetu la kredon pri la homa neceseco de tiu natura leĝo, kiu estas la gloro de la skaraboj. Al tiuj insektoj ni kontraŭmetu la ekzemplon de la konstruema abelo, ĉe kiu, laŭ Fabre, „la rajto superas la forton kaj la entrudulo estas ĉiam fine forpelata". Ni imitu la abelon, kiu estas pli civilizita ol ni: *ĝi ne militas!*

Je ĉiu krepusko, je ĉiu tagiĝo, ili iru, la militdefendantoj, vidi la suferantan amason forĵetatan sur la gasteman kaj trankvilan teron de Svisujo, ili konsideru tiujn senkulpajn viktimojn de la frenezo de kelkaj homoj! Ili rigardu tiujn mizerajn maljunulinojn kun halucinaj rigardoj, tiujn maljunajn elradikigitojn, priplorantajn la hejmon, al kiuj ili estis dediĉintaj sian vivon kaj sian morton; ili rigardu la infanojn, malfortajn vivskizojn, kiuj sin premas unu kontraŭ la aliaj, kiel la ŝafoj, kiujn ruĝa kruco destinis por la tranĉilo de la buĉisto! Ĉu homa estas la leĝo, kiu kreas tiun spektaklon, la leĝo, kiu blinde signas la viktimojn de tiu nepravigebla furiozo?

Antaŭ la alfluo kaj la refluo de tiu mizero, post tiu baptado de kompato kaj helpemo, kiu ankoraŭ povas konservi, rigide kaj tranĉe, tiun neakcepteblan kaj monstran ideon, glacian kiel la morto mem, pri la neceseco de la milito!

Ne diru, ke ĝi rivelas al ni eksterordinarajn virtojn, ke ĝi vekas energiojn, naskas volojn kaj heroecojn ne suspektitajn! Se oni penus bone rigardi tiujn samajn virtojn, tiujn samajn heroecojn, oni vidus, ke ĉiutage en la normala vivo ili manifestiĝas kun pli da forto kaj profundo; sed tiam oni ne same atentas. La milito ne naskas ilin, ĉar ĝi estas nekapabla ion krei; ĝi nur intensigas la manifestiĝon de kelkaj noblaj sentoj dank' al la esceptaj cirkonstancoj, kiujn ĝi naskas; sed ian daŭran forton ĝi ne kapablas krei. Nenion konstrui ĝi povas. Ĝi estas esence detruema! Ĝi estas la neo de ĉio, kion proklamas la grandeco de ĉiuj civilizacioj: la neceseco kaj la gloroj de la paco. Ĝi sur la tero semis pli da detruoj, ol la tempo lasis ruinojn. Ĝi estas la disvastiganto de malamo. Neniu koro, kiu hodiaŭ ne havas tiun malmildan semon. De fino de la mondo al alia ni sentas, ke ĝi ĝermas, disvolviĝas kaj grandiĝas, faras el niaj animoj vastan kampon de malamoj kaj revenĝoj! Koroj senkulpaj, koroj spertaj, koroj puraj aŭ purigitaj, ĉiuj estas trapenetrataj de la malamo!

Ekzistas aliaj leĝoj, kiuj gvidas la homaron al la dezirata perfekteco, aliaj ekzaltadoj, kiuj kondukas al la streĉostato. Tiajn leĝojn ni obeu. La progreso sekvas la vojon, kie la purpuro de la rozoj anstataŭas la purpuron de l' sango. La amo, ne la malamo, tenas en siaj manoj la sciencon kaj la vivon. La sola homa leĝo, ĉar dia, estas la ama leĝo. Tion oni devas senĉese ripeti. Nur tiu leĝo povas transformi niajn primitivajn kaj blindajn instinktojn de profitemo kaj batalo en spiritan kaj harmonian konkuron de laboro kaj penado. Ha! fratinoj miaj, fratoj miaj, ĉiuj fratoj miaj! ĉar la malfeliĉego sin ĵetis super nin, ĉar la tero fariĝis grandega ĝardeno de turmentoj, ni kliniĝu al tiu unika fonto de scio: la amo.

*Lucy Kufferath.*

El „Journal de Genève", trad.: *E. B.*

---

## La datreveno de la Milito

*Alvoko al la komuna saĝo kaj al la konscienco de la grandaj nacioj militantaj*

Oni petas nin publikigi la ĉi-suban alvokon, kiun aperigis la Nederlanda Paca Organizaĵo okaze de la datreveno de la milito. Ĝin subskribis granda nombro de Nederlandaj diversfakaj eminentuloj. Ni tion volonte faras, rememorigante, ke la redakcio ne aprobas senrezerve ĉiujn punktojn de la tie presataj artikoloj.

Forpasis unu jaro, plenigita per brulegoj kaj mortigoj, per reciprokaj konsumiĝoj kaj universalaj detruadoj. Tiom da mortintoj, da kripligitoj, da vunditoj ĉiutage; tiom da monumentoj, kiuj estis produktoj de centjaraj laboroj, disrabaĉitaj kaj forbruligitaj; tiom da feliĉo por ĉiam perdita, tiom da belo detruita! Ĉiutage la ŝuldoj naciaj pli kaj pli amasiĝas, antaŭsignas la neniiĝon de l' publika prospero ĝis nevidebleco. Kaj tiu febro ĉiam pligrandiĝas; kaj kiam la neŭtraluloj parolas pri paco, oni demandas ilin, kial ili miksas sin en la aferon de aliaj, ili, la senpenaj, sengloraj . . .

Tamen, por la normala vivado de la popoloj ne la Milito taŭgas, sed la paco. Tiuj, kiuj, per sia hommortiga furiozo, dediĉas la tutan mondon al manksufero — aŭ neŭtraluloj aŭ militantoj — kiuj sangigas la tuthomaron, estas respondaj antaŭ la tribunalo de la homa gento. La militantoj, en sia blindeco, ne estas kapablaj reprezenti la homaron normalstatan, ĝi do bezonas la neŭtralulojn. Kvankam nia provo malsukcesus ankaŭ ĉi tiun fojon, estas nia nepra devo ĝin fari, ĝis kiam ĉiupaŝe tiom da voĉoj vin instigas daŭrigi la hombuĉadon.

Jen kial ni demandas vin nun, je la datreveno de tiu ĉi milito, la plej sangoverŝa el ĉiuj estintaj: Kion vi celas? Kio povas esti la rezultato de viaj klopodoj?

Ŝajnas al ni, ke vi respondos: „Ni celas certigi la Pacon". Vi celas pacon, kiu ne plu enhavu en si la ĝermon de proksima milito. Vi ne volas vin elmeti al refoja atako, al refoja minaco pri ruiniĝo kaj renversiĝo Ĉiu el vi asertas sian enmilitiĝon kaŭze de provoko; sed neniu konfesas sin atakinto.

Sekve, ni demandas vin: Ĉu vi estas certaj, ke vi atingos la deziratan celon, sekvante tiun dolorplenan vojon sur kiun vi erarpaŝis, tiun vojon de blinda obstineco? Se ne, via agrajto tia, kia vi ĝin aplikas, kadukiĝos. Se elmontriĝus, ke la vojo de vi elektita ne kondukas al la celo, kaj ke ekzistas alia vojo, kiu promesas rezultatojn pli humanajn, pli konformajn al la komuna intereso, kaj se vi evitus tiun

ĉi vojon, via respondeco ja estus maltrankviliga — via respondeco ne nur al viaj sampatrujanoj, sed ankaŭ al la homaro.

Ke la humiligo de la malamiko ne estas la plej bona garantio pri la estonta paco, tion pli ol sufiĉe pruvas la historio. Ja nur depost 1789 la eŭropaj popoloj estis venkitaj kaj humiligitaj vico post vico. Ĉu ekzistas unu sola popolo, kiu kontentiĝis pri la malvenko, ne soifante venĝon tuj kiam ĝi sentis sin refortiĝinta, tuj kiam ĝi trovis kunliganon kontraŭ la iama venkinto? Se Germanujo venkus Rusujon, ĉu tiu ĉi ne preparus sin por revenĝo? ĉu la venkinto povus vere ripozadi? Se la Kunliganoj venkus Germanujon, ĉu tiu ĉi ne rekonstruadus senĉese sian militpotencon, same kiel Prusujo faris tion post la Jena'a malvenko? Se Germanujo submetus al si Eŭropon, tiun maljunan Eŭropon, kaj eble la novajn mondojn kune, ĉu ilia plej grava zorgo ne estus sin liberigi el la jugo, same kiel la kununuiĝinta Eŭropo elfinis pri Napoleono?

Ju pli definitiva ŝajnas unuavide la malvenkiĝo de via malamiko, ju pli profunde ĝi vundiĝos, des pli vigla estos ĝia venĝosento, sekve des pli la venkinto devos timi la sortoturniĝon, kaj des pli da miliardoj elspeziĝos por starigi defendilaron kontraŭ malamiko incitegita, sed ne nuligita.

Estas nek la malprospero de via kontraŭulo, nek la okupo de ĝiaj teritorioj, kiuj iam akirigas la certecon pri la Paco. Via morgaŭa plej konsterna venko fariĝos postmorgaŭ via danĝero, kion ajn dirus viaj ambiciuloj.

La certeco pri la Paco estas tio, kion oni nepre devas serĉi.

Ĝi povas dependi nur de morala venko atingita sur vi mem.

Oni petas de vi nenion superhoman. Oni ne postulas, ke vi amu *vian malamikon* kiel vin mem. Oni eĉ ne petas vin praktiki nuntempe la malnovan ordonon: amu *vian proksimulon* kiel vin mem. La estonteco, kiun vi esperas kun ĉiuj viaj deziroj kaj al kiu etendiĝas ĉiuj niaj komunaj klopodoj, estus certigita nur, se ni ĉiuj povus nin submeti al la multe pli facile sekvebla regulo: „*respektu* vian proksimulon kiel vin mem".

Tiu, kiu respektas sian proksimulon kiel sin mem, ne plu povas pensi ĝin enjugigi, subpremi, senposedigi, ekstermi, detrui la produktojn de ĝia industrio, profani la artoverkojn en kiuj ĝia genio manifestis. Tiu ne plu malnobligus sin je krimoj, kiujn la konscienco de la homa solidareco malaprobas. Pri kio do aspirus nia tiom fanfaronata civilizacio, se ne pri la refirmigo kaj la propagandado de tiu solidara spirito? La momento, kiam ni returniĝos al tiu tendenco komuna de klarvidaj intelektoj kaj malfermitaj koroj, kiam nia konscienco reprenos siajn rajtojn, kiam ĝi lumigos nian juĝon, plivivigos la sentojn de ĉiuj el ni, kiam ĝi direktos niajn *kolektivajn* agadojn: tiu momento estos la fino de la malnobla kaj kruelega krimo, de la abomena kaj nekredinda hombuĉado, kies nomo estas Milito.

Nur en tiu momonto efektiviĝos la miraklo — kaj eĉ ne unu minuton pli frue.

Estus egale, ĉu tiu ĉi aŭ tiu partio leviĝus super la alian — tio ja ne ŝanĝus la aspekton de la aferoj. La milito kontraŭ la milito ne uzas alian armilon ol tiun de la spirito, alian ŝildon ol tiun de la homa konscienco, same kiel la nuna milito estas la produkto de morala malkuraĝo, de superrega spirito, de avareco, de manko de homa respekto, pri kio neniu el ni estas senkulpa. Jen malpravoj, kiujn sangoverŝo ne povas forigi.

Vi, batalantoj, vi ĉiuj pruvis, ke kuraĝo ne mankas al vi, ke vi malzorgas pri la morto, ke via patrujo povas kalkuli sur vin. Ni aliaj, alrigardantoj, ni ĉeestas por taksi vian valoron. Vi bonege batalas. Via sango kaj via oro ne estos vane fluintaj: vi konvinkis vian kontraŭulon, ke vi ne estas malŝatinda malamiko. Via milita honoro estas savita. Havu do la moralan kuraĝon konfesi, ke vi *deziras la pacon;* postulu de via registaro lojalan kaj senintermankan klopodon al tiu paco kun honoro, kiu estus savilo por ĉiuj. Fermu viajn orelojn por la tentaj frazoj, kiuj flatas vian fierecon; ne obstinu pri venko, kiu, je viaj malprofitoj, servus nur ties interesojn, kiuj, ŝirmataj per ĉio, avidas nur potencon kaj profitegon. La venĝo, al kiu oni vin ekscitas, nur momente estas dolĉa; post la forpaso de tiu momento ĝi fariĝos maldolĉa. La estonteco apartenas nur al tiu, kiu scias venki sian Mion kolereman kaj venĝeman, por kapitulaci al sia Mio humana kaj konscia pri siaj eternaj rilatoj.

Trad.: *Paul de Lengyel.*

---

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **La Ruĝa Stelo.** — En Ĝenevo, je la sama ĉambro de l'Ateneo, kiu antaŭ 55 jaroj vidis la naskiĝon de la Ruĝa Kruco, estis fondita la Ruĝa Stelo, t. e. internacia unuiĝo de la societoj por la helpado al bestoj ĉe la batalkampoj. Pensante, ke la homa vivo havas nun tiel malmulte da valoro, oni eble ridetos... Sed estas nek ridinda, nek malĝustatempa la celo, kiun al si fiksis la nova institucio! La ĉevaloj, la muloj, la hundoj, tiuj niaj bonaj amikoj nerespondaj kaj senkulpaj, estas, ili ankaŭ, elmetataj je neesprimeblaj suferoj ĉe la batalkampoj. Oni do penu mallongigi ilian agonion kiam oni ne povas ilin helpi, kaj helpi ilin, kiam tio estas ebla.

∴ **La fondaĵo Carnegie kaj la paco.** — La direktanta Konsilantaro de tiu Instituto sendis al ĉiuj pacorganizaĵoj de la mondo cirkuleron, el kiu ni eltiras la plej gravajn partojn:

„Ni deziras diri al ĉiuj pacamikoj, ke la terura milito, kiu furiozas hodiaŭ, ne estas ĝusta kaŭzo de senkuraĝigo aŭ senkreditigo de la antaŭaj klopodoj, nek argumento por kredi, ke la estontaj klopodoj estos vanaj kaj neutilaj. Tiu senkompata milito povas esti kreanto de paco d nk' al la terura instruo, kiun ĝi donas al la popoloj.

„Ne sole la detruado de la vivoj, la ĉiuspeca suferado de la militantaj landoj superas ĉiun sperton; sed la produktado kaj la vendado mortige frapitaj, la interrompo de la komercaj vojoj kompromitis la industriojn, kaj produktis ruinojn kaj mizerojn ankaŭ en ĉiuj landoj nemilitantaj. Ĉu la terura instruo estos forgesata; ĉu la grandegaj oferoj estos vane faritaj? Oni devus juĝi neeble, ke popoloj tiel severe frapitaj marŝu denove en la vojoj de politiko de suspektoj kaj de malamoj, kiuj denove kondukus al similaj rezultatoj.

„Siatempe la ĝenerala publika opinio devos influi je la pactraktantoj. Jam de nun ni povas proklami la neceson starigi Juĝokortumon por ĉiu ajn internacia demando kaj seriozajn sankciojn por trudi la respekton kaj plenumon de ĝiaj verdiktoj."

∴ **Virina Unuiĝo por la Paco.** — Tiu lastatempe fondita unuiĝo celas helpi al la pacpropagando kaj al la antaŭenirigo de amikaj interrilatoj inter ĉiuj popoloj. La aferojn de la societo kontrolos komitato konsistanta el reprezentantoj de filioj kaj fakestroj. Filioj kontrolos siajn proprajn lokajn aferojn aparte de la Centra Komitato. La societo estos tute senpartia. Sed ĝi funkcios politike en tio, ke ĝi atente observos la aferojn de la Konferencoj en Hago kaj la konsiliĝojn de aliaj ŝtatreprezentantaj konsilantaroj pro tio, ke la rezultato de tiaj internaciaj klopodoj devas praktike helpi al la konservado de la paco. La Unuiĝo penados funkcii precipe internacie, memorante „ke la celata idealo estas bonorda Naciaro", kies regnoj, konservante sian plenan nacian suverenecon, tamen reciproke kaj memvole konsentos al tiaj kondiĉoj kiaj estas

necesaj al la bono de ĉiuj. La propagando ne konsistos sole el disdonado de broŝuroj, organizado de kunvenoj, paroladoj, k. t. p. Aliajn rimedojn oni uzos se la komitato aprobos.

La membra kotizaĵo estos Sm. 0.50. Por ĉiuj informoj sin turni al F-ino Ada Cunningham, Hon. Sek., 114, Holmleigh Rd., Stamford Hill, London N. Oni korespondas Esperante.

∴ **La deveno de la Ruĝa Kruco.** — Eble ne estas vane rememorigi, ke tiu humana institucio estas ŝuldata al la ĝenevano Henri Dunant kaj ke ĝi komenciĝis en Milano. Antaŭ kvindek-ses jaroj, en vespero de julio 1859, la juna filantropo prezentiĝis antaŭ publiko kunveninta en la salonoj de la grafino Verri, kaj kun konvinkiga voĉo faris la kortuŝan kaj sugestan rakonton de la batalo ĉe Solferino, kie li ĉeestis kelkajn tagojn antaŭe. „La vidado de tiom da terurajoj, diris Dunant, sugestis al mi la ideon pri la ebleco, ke estu deklarataj netuŝeblaj la vunditoj kaj la flegistoj. Tiu ideo maturiĝis en mia spirito, kaj mi nun ĝin prezentas al vi."

La parolado kortuŝis la aŭdantaron. Iniciata Komitato estis starigita por krei la fundamenton de la Asocio de la Ruĝa Kruco, kaj Dunant kiel apostolo vizitis ĉiujn Eŭropajn ĉefurbojn por klarigi sian filantropian ideon.

Je tiu epoko ĉiu nacio havis por siaj milithospitaloj propran flagon, sed la koloroj de tiuj flagoj ne estis bone konataj de la militantoj, kaj okazis eraroj, malkomprenoj kaj konfuzoj bedaŭreginda]. Dunant tiom klopodis, ke li sukcesis alprenigi de la ŝtatoj unuforman signon, kiu metis ĉiujn vunditojn sub la sama protektado.

Tiel naskiĝis la blanka flago kun la Ruĝa Kruco, kiu „neŭtraligas la ambulancojn kaj la flegistojn sur la batalkampo, kaj rajtigas ilin je universala paspermeso." La koloro de la flago estis alprenita por dankatesti al Dunant, kiu en Solferino estis nomata la „blanka homo", ĉar sur la batalkampo li estis vestita je blanka tolo. Ĝi rememorigas la svisan flagon (blanka kruco kun ruĝa fono), sed la koloroj estas inversigitaj.

 LITERATURO 

FELIETONO

# En la hospitalo

Oni alportis lin sangantan, kun frakasita kapo, kun turnitaj okuloj, senkonscian. Li falis, kiel diris lia deĵoranto, en la plej varmega momento, kiam li devis konduki sian taĉmenton por ataki ponton super rivereto. Li eliris la unua el la tranĉeoj, levis la sabron, eksaltis, kiel juna linko kaj falis, trafita en la kapon ĝuste en la momento, kiam li malfermis la buŝon por plua komando. La sindona, nenian sentanta danĝeron, deĵoranto malsuprentiris lin reen en la fosaĵon. La teruran vundon li kovris per la ĉapo kaj bandaĝo kaj retenis la elŝiriĝantajn fortegajn brakojn.

Kaj venis longaj tagoj kaj noktoj en la hospitalo, kie Paŭlo Petroviĉ kuŝis preskaŭ ĉiam senkonscia, sed ne muta. El la buŝo faladis rompaĵoj de komando, elkrioj de certigoj, de konvinkoj, kaj iafoje je l' vespero, tiel nervaj kaj ŝajne tiel konsciaj, ke la deĵoranto ploris kaj la monaĥino havis larmojn en la okuloj.

Jen la enhavo de l'interparolo kun si mem fariĝas tiel mirinde senorda, rapida, eĉ nekomprenebla. Li disĵetadis rompaĵojn de vortoj, silabojn, sonojn, ĉiam pli kaj pli rapide; malgraŭ la konsterno de la ĉeestantoj leviĝis subite, ekstaris kaj, balbutante rapide, kiel terura kribrilo ŝirbatis sin al la fenestro. Perforte oni metis lin en la liton.

Kaj ree fluis la horoj. La sekaj malgrandaj manoj, ĉifantaj la kovrilon, disiradis sur la litaĵo. En ia nenie rifuĝebla vagado ili serĉis ion ĉirkaŭe, kaj etendis sin supren. Li malgrasiĝis terure. Kiam li post longedaŭra sufero ekdormis, sur la litkovrilo ripozis du senfortaj manoj, sur kies senzorga etendo eksidis la tuta nemezurebleco de l' senforteco kaj kompato. La monaĥino iradis mallaŭte ĉirkaŭ la kapo tuta en bandaĝoj, tra kiuj ne malofte sorbadis malhela sango. Kaj efektive, li faris mirindan impreson, kuŝante en la blankaĵoj de l' bandaĝo kvazaŭ en giganta turbano, kun fermitaj okuloj, kun nerazita longa barbo tiel nigra, ke efektive ĝi ŝajnis esti iom blua. La enfalintaj vangoj ŝajnis pli blankaj, senlime, senespere blankaj.

Sed pasis marto, kaj la malsanulo ne mortis. Kontraŭe, li kondutis ĉiam pli senriproĉe kaj kiam oni ŝanĝis la bandaĝon, li palpebrumis vive per la okuloj, kvazaŭ li dezirus deĵeti de la palpebroj ian tuŝeblan, pendantan sur ili, ŝirmon. En la bandaĝa salono, kiel cetere en la hospitalo, estis multe da suno. Unu tagon, sidante sur la seĝo, ĉirkaŭita de kuracistoj, kiuj tre atente observadis la kuraciĝantan vundon li subite etendis ambaŭ manojn al la suno, kiu lin vizitis, ĝoja, kvazaŭ malgranda infano, sed oni haltigis tiun ĉi movon, ĉar ĝi povis malutili al la bandaĝado. Kaj ree je longaj tagoj venis teruriga senkonscio al tiu ĉi tranĉvundita, mirakle savita kapo. Kaj tiel ŝanceliĝis inter la tago kaj nokto, inter la malklara rigardo de liaj grandegaj, nigraj okuloj, kaj la printempa lumo ekstere. Sed estis ĉiam pli kaj pli bone.

Unu tagon, kiam oni posttagmeze malfermis la fenestrojn kaj la suno per senlima, ora malavareco disverŝiĝis en la ĉambro de l' hospitalo, li levis la tremantan manon al la jam nebandaĝitaj okuloj kaj longe, longe tenis ĝin sur ili. Poste li ĝin forprenis kaj subite ekrigardis ĉirkaŭen, levante la kapon. Senspire li sidiĝis sur la lito, kaj ekkriis:

— Pafu, vive!... Komencu!...

Enfalis la deĵoranto kaj ĵetis sin al liaj piedoj.

— Sinjoro, sinjor'!... ekploris li.

— Al la atako! Soldatoj, antaŭen!... Kio ĝi estas?... Trofimo, kio ĝi estas?...

— Sana, sana!... ploregis pro ĝojo Trofimo.

Sed Paŭlo Petroviĉ ne estis ankoraŭ sana. Post mallonga momento de konscio revenis la febro kaj la deliro. Ŝajnis, ke ankaŭ la malsano revenos, kaj la vundo renoviĝos.

Sed la tempo kaj la aromo de l' siringo, enpenetranta tra la malfermita fenestro en la ĉambron, faris la sian. La konscio revenadis per rapidaj paŝoj, kvankam ĝi ŝajnis esti iel rompita, maldiligenta, kvazaŭ novenaskita. Iom post iom li ekmemoris tamen ĉion: la batalon, la nokton en la tranĉeoj, la vunditan atakon kaj la pafon en la kapon. Li tamen obstine asertadis, ke li falis ne sur ebenan kampon, sed, ke li ruliĝis ie en la montoj en abismon, plenan de nuboj. Pri la batalo, dum kiu li estis vundita, kaj kiu okazis antaŭ kelkaj monatoj, li parolis kiel pri okazintaĵo de l' hieraŭa tago. La tuta tempo de l' kuraco estis por la resaniĝulo evidente truo, kiun neniaj memoraĵoj povis plenigi.

— Fratino, demandis li, ĉu la movado, ĉirkaŭanta la maldekstran flankon estas malkovrita?

— Ni nenion ĉi tie scias. Mi eĉ ne scias, al kiu sin turni por informoj. Nenio...

— Mirinde, deklaris li. Ni ĉiuj sciis pri ĝi.

— Fratino, daŭrigas li demandi, ĉu mi estis forte malsana?

— Jes, vere. Vi tre suferis, rakontis la monaĥino, kunmetante sian ĉarmegan rozkoloran buŝeton en tre mildan, kompatplenan rideton. Sed nun estas jam bone. Ĉu ne?

— Hm!.,. murmuris la oficiro kaj ne respondis.

La tutajn tagojn li kaptadis nerealajn, senbridajn pensojn, rigardante la klaran ĉielon, kvazaŭ ili estus tie skribitaj. Sur la vizaĝo koncentriĝis amasiĝo kaj obstina fortostreĉo de l' prudento, en la okuloj eksidis la milda aflikto, propra al ĉiuj resaniĝantoj post peza dolora malsano.

Longajn horojn li pensadis evidente pri sia situacio, kuŝante silente kaj rigardante siajn malgrasiĝintajn manojn, kvazaŭ ĝuste

tie estus lokita la solvo de multaj enigmoj. Li pensis ion en si pacigi, korekti, ŝanĝi. Kaj li estis tute trankvila, sed en la senlima profundo de liaj nigraj pupiloj kaŝis sin la malĝoja mistero, tiel senprofunda, ke ĝi ŝajnis terura. Jen ree venis la deliro kaj febra peza dormo same turmentanta kiel maldormo. Kaj en tiu ĉi batalo kun la nekaptebla inkubo de l' prudenta malsano forfluis la longaj printempaj tagoj.

— Kio efektive estas morto? ekdmandis li foje la monaĥinon.

— Kio efektive estas morto? ripetis ŝi mallaŭte. Mi mem ne scias kiel difini la morton. Oni nin instruis, ke en la momento de l' morto la animo disiĝas de la korpo kaj forkuras ien malproksimen. La floroj tiam jam ne bonodoras, la suno ne lumas...

— Tre bone, diris la malsanulo. Tio ĉi ja tute ne estas terura, kaj tamen la homoj tiel timas morti. Sed mi neniam timis.

— Vi estas oficiro, vi estas fama pro via kuraĝo.

— Phi!... respondis li mirige. Tiam estis io alia...

Li rigardis ŝin per longa, distrita en sin reiĝinta rigardo.

— Kiam mi estos sana?... ekspiris li.

Ŝi metis sian mallarĝan manon sur lian frunton.

— Vi jam estas sana Sed oni ne devas pensi ĉiam pri la malsano, pri la milito, pri la travivaĵoj. Rigardu kiel ĉarma estas la suno, tiom da lumo...

— Efektive, respondis li. Pro tiuj ĉi pensoj estas al mi tre peze. Iafoje ŝajnas al mi, ke mi havas ŝtonon en la kapo. Akran rompaĵon de roko, kiu malleviĝas iom post iom, sed ĉiam. Sed ĉiam.

— He, kiaj pensoj. Post nelonge vi leviĝos.

Ŝi sidiĝis sur lian liton kaj rigardis la mizeran, malgrasiĝintan vizaĝon. Poste ŝi komencis karesi liajn manojn, de la kubuto ĝis la manplato kaj per unutona, senŝanĝa voĉo rakonti pri la vilaĝo, pri la herbejoj, pri la arbaroj. Li aŭskultis ĉion ĉi, kvazaŭ la plej interesan fabelon, palpebrumante rapide per la okuloj. Li dronis en ŝiaj bluaj, puraj, senkomparaj okuloj.

Ŝi kliniĝis al li kaj, kvazaŭ ebria, parolis ĉiam pli mallaŭte kaj pli intime. Senkonscie ŝi surŝovis siajn manojn sur lian vizaĝon kaj malaperigis la blankajn fingrojn en la nigra veluro de l' barbo. Karesante liajn vangojn per mola, delikata tuŝeto, ŝi daŭrigis sian fabelon.

— Nenion vi scias, kiel bele tie estas. La rivereto fluas mallaŭte, bruetante, la miozotoj etendiĝas ĝis la akvo mem kaj trinkas ĝin la malvarman. Ĉu vi vidis iam? En la akvo speguliĝas la sorpoj kaj timigas la malgrandajn fiŝetojn per la ruĝeco de siaj koraloj. La ombro kaj la silento stariĝis antaŭ la torento, ĉio ekdormis en la junia varmego, kaj jen tiel bele estas kuŝiĝi sur la muskon. En la okulojn de l' saniĝulo ekfrapis subite tondro kaj ekbruligis ilian nigran profundaĵon per varmega, malhela brilo. La vagantan ie malproksime de la buŝo manon de l' monaĥino Paŭlo ekkaptis per subita movo kaj pasie ekkisis la etenditan manon. Poste li altiris ŝin al si tiel forte, ke ŝi ekŝanceliĝis.

Sed post unu momento ŝi stariĝis sur la piedoj.

— Kion vi faras? Bonvolu trankviliĝi... ekkriis ŝi per timiga malbrila voĉo kaj tuj eliris.

De tiu ĉi momento komenciĝis nova periodo en la kuracado de l' malsanulo. Malĝoja varmega fajreto restis en liaj okuloj. Kiam en la ĉambron eniradis la monaĥino, de nun, kvazaŭ enpensiĝinta ĉiam, kvankam kompleza kiel antaŭe, li sekvis ŝin per fajra rigardo. Kiel antaŭe li kuŝadis tutajn horojn senmove, rigardante en la ĉielon, aŭ sidadis en la apogseĝo, sed estis evidente, ke li ne trankviliĝadis. Ke tie en la animo okazadis la nova batalo, prepariĝadis io neantaŭsentita.

— Bonvolu jam kuŝiĝi, diris la monaĥino, kiam li vespere sidis tro longe en la apogseĝo. Estas jam malfrue, vi tro laciĝas.

Li nenion respondis, li kuŝiĝis, sed ne dormis. Kiam ŝi nokte, kaj la noktoj estis sufokaj kiel la tagoj, pasis tra lia ĉambro, ŝi vidis liajn malfermitajn tre grandajn okulojn. Tiam ia timo ŝin ekregis, kvankam ŝi deziris resti en la ĉambro. Foje ŝi eĉ sidiĝis por momento sur la seĝon, starantan apud la tablo, kaj ekdemandis:

— Kial do vi ne dormas? Estas jam malfrua nokto. Se tiel daŭros, vi neniam revenos al la sano, diris ŝi, ne rigardante lin.

— Mi jam estas tute sana, respondis li.

Silento ekregis plena, profunda kaj iel malagrabla. Ŝi deziris ion diri, sed ne sciis kion. Ŝi ekmarŝis do en la ĉambro kaj haltis ĉe la fenestro. Kaj subite ŝi eĉ ektremis, tiel ekbrilis en la malluma nokto kaj seka fortega tondro ekfrapis en la vitrojn.

— Estos uragano, turnis ŝi sin al la malsanulo.

Kutime li nenion respondadis. Kaj lastatempe li fariĝis ankoraŭ pli silenta.

— Ĉu la vundo vin ne doloras? ekdemandis ŝi ree.

— Doloras. Doloregas. Brulas...

— Kaj vi diris, ke vi estas jam tute sana. Kial do vi mensogis? Mi tuj alportas glacion!... ekkriis ŝi kun eksterordinara reviviĝo, kaj nova fortega tondro substrekis ŝiajn vortojn. La pluvo ekbatis en la vitrojn, kiam ŝia blanka ŝultrotuko aperis en la pordo.

Paŭlo fermis la okulojn kaj vidis detale la etajn piedoplatojn kaj la maldikajn piedojn en nigraj ŝtrumpoj, kiujn ne kovris la mallonga robeto el griza tolo. Li perfekte memoris la nekompareblan harmonion de ŝiaj figurtrajtoj kaj la kruceton, ripozantan sur ŝia brusto.

Sed por kio revi? Li havis ja ŝin vivan. Ŝi alportis glacion kaj, preĝante ĉe ĉiuj tondroj, kiujn ĉiam pli malavare dissemadis la uragano, la monaĥino preparadis per siaj malgrandaj manoj rapide la bandaĝon.

Li sekvis ŝin per okuloj plenaj je brulanta fajro. Li sentis, ke ĉiuj tondroj frapas en lian frakasitan kapon, ke en la brusto disbloviĝas terura uragano. Antaŭ liaj okuloj palpebrumis ŝiaj plenaj lipoj, disigitaj kvazaŭ papilio, kvazaŭ puncaj folietoj de rozo. Tute tremante li sidiĝis sur la lito.

— Bonvolu kuŝiĝi. Tiel mi ja ne povas bandaĝi, ekaŭdis li kvazaŭ tra nubo.

Kaj subite intermiksiĝis ĉio. Ekblovis la bruna venteto kaj kovris ĉion per netrapenetrebla densa vualo. Paŭlo perdiĝis tute. Kvazaŭ okuliluzio pereis la vizio de l' monaĥino, kaj en la kapo disetendiĝis senlima bruego kaj malamika, terura malvarmo. Jen kvazaŭ la batalkampo, jen kvazaŭ abismo plena je nuboj... La malamiko, la malamiko! Batu, mortigu!...

Kaj subite en tiu ĉi polvonubo ekbrilis blanka vizaĝo kaj klinita, tre proksime, blanka kolo. Ha, li venĝos!... Ĝi estas gorĝo malamika! La avidaj, teruraj fingroj falos sur ĝi kaj ensorbiĝos nerevokeble. Li enverŝos en ĝi la tutan soldatan malamegon, li repagos malavare por ĉiuj suferoj! En la malgrasiĝintaj manoj estos sufiĉe da forto por repago, por la dolĉa ĝuo de l' venĝo! Li kaptos, sufokos, kiel kokideton... Jam ili iras, jam ili estas!...

Sed en la kapo io klariĝis. Li ekkonis la vizaĝon, similan laŭ la trajtoj al Venus el Milo, kaj li ekkonis sian trompon. La bruna polvo, surpaŝanta la okulojn kaj premanta la bruston en dolora ringo, trapenetris kaj dispecetiĝis.

Ekblovis akra vento de rekonsciiĝo, ekbatis kvazaŭ per vipo konscia penso. Vekiĝis la sobra prudento de l' eterna atento. Malrapide, iom post iom en mortiga konsterno retiris Paŭlo siajn kurbiĝintajn fingrojn kaj metis ilin pasive sur la litkovrilon. Laŭtsona tondro faris finon al la okazintaĵo.

Kaj la monaĥino staris longe antaŭ li, hipnotigita de la fantomo de liaj okuloj, pli teruraj ol en la plej krizaj momentoj de l' malsano — kaj nur kiam ŝi sukcesis liberiĝi de sub ilia influo, ŝi elkuris, kriante en senlima timo:

— Paŭlo Petroviĉ freneziĝis!...

Sed Paŭlo Petroviĉ ĝuste jam estis sana.

*Jeĵi Gonsovski.*

Trad.: *Edvardo Lonkopolanski.*

El „Glos polski" N-ro 22.

Ĝenevo, 24 julio 1915.

# DEK-UNUA KONGRESO DE ESPERANTO

**San Francisko, 22—29 aŭgusto 1915**

## Protokolo de la ĝeneralaj kunsidoj de la Kongreso

*Solena Malferma Kunsido*

La Solena Malferma Kunsido de la Dek-Unua Kongreso okazis la 23 aŭgusto, en Halo J. de la Urba Aŭditorio, je 10.30 h. mat.

Profesoro H. B. Langille kunvokas la ĉeestantajn kongresanojn kaj anoncas, ke la unua devo de la kunsidantaro estas la elekto de estraro. Li bedaŭras, ke Doktoro H. W. Yemans, Prezidanto de la Organiza Komitato, ne povas ĉeesti la Kongreson, kaj ke neniu reprezentanto de la antaŭaj kongresoj ĉeestas, por, laŭ la kutimo, transdoni la povojn al la nova prezidanto.

La Loka Organiza Komitato proponas la jenan Estraron: Prezidanto: S-ro Robert Colquhoun, Oficiala Delegito de la Skotlandaj Esperantistoj kaj de la Komitato de la Kongreso, kiu devus okazi en Edinburgo, Skotlando. Vicprezidanto: Prof. H. B. Langville, Instruisto de Meĥaniko ĉe la Universitato de Kalifornio, Berkeley. Sekretario-Adjunkto: S-ro D. E. Parrish.

La Kongreso unuanime aprobas tiun proponon, kaj Prof. Langille transdonas la prezidecon de la Kongreso al S-ro Robert Colquhoun, kiu prenas la prezidan lokon.

S-ro Robert Colquhoun, prezidanto de la Kongreso, dankas por la honoro, kiun oni faris al li, elektinte lin prezidanto. Li transdonas al la Kongreso la salutojn de la skotaj samideanoj, kies reprezentanto li estas, kaj kies nacian kostumon li portas.

S-ro Parrish, sekretario, anoncas la tagordon de la Kongreso.

S-ro Colquhoun legas la regularon de la Kongreso.

Sekvas la salutparoladoj de la jenaj kongresanoj: S-ro Kolonelo F. A. Poŝtnikov, por Rusujo; S-ino D. E. Parrisch, por Danujo; F-ino F. Roberts, por Kanado; F-ino I. A. McCaffrey, por la Esp.-Asocio de Norda Ameriko kaj por la Bostona Esp. Societo; S-ro Chas. Randall, por la Ŝtato Washington, kaj por la urbo Seattle, Wash.; S-ro John W. Snider, por la Ŝtato Ohio; S-ro Wm. H. Chase, por la Ŝtato Wisconsin; S-ino Tobey, por la Ŝtato Missouri; S-ro W. C. Laube, por la Ŝtato Colorado; Prof. Langille, por la Ŝtato Oregon; D-ro J. W. Torbett, por la Ŝtato Texas; S-ro A. E. McKee, por la Pittsburgh Esperanto-Societo; F-ino Amy Leavitt, por la urbo Washington, D. C.; S-ino Cochenouer, por la urbo Los Angeles, Kalifornio; S-ro Oswald B. Coleman, por la Cleveland Esperanto-Asocio; S-ro G. H. Peterson, por la urbo San Francisko, Kalifornio; F-ino Princess O. Jones, por la urbo Kansas City, Missouri; S-ro Cornich por la urbo San Leandro, Kalifornio; S-ro B. E. Myers, por la urbo Redwood City, Kalifornio; S-ro H. B. Weaver, por la urbo Sacramento, Kalifornio; D-ro Walter H. Fearn, por la urbo Lakeport, Kalifornio; S-ro G. F. Griffith, pro la urbo Santa Rosa, Kalifornio; S-ro A. S. Vinzent, por la urbo Berkeley, Kalifornio; S-ro L. H. Gorham kaj S-ro Juĝisto W. R. Daingerfield salutas la Kongresanojn.

S-ro Parrish komunikas al la Kongreso la diversajn salutojn kaj bondezirojn ricevitajn de ĉiuj partoj de la mondo, interalie, de kaptitoj en Germanujo kaj de internigitaj soldatoj en Nederlando.

La Kongreso akceptas, danki la societojn kaj individuojn, kiuj salutis en la nomo de siaj samlokaj samideanoj.

*Unua labora Kunsido*

La unua labora kunsido okazis la 26 aŭgusto, en ĉambro J. de la Urba Aŭditorio, je 11.30 h. mat., sub la prezido de S-ro Colquhoun.

S-ro Parrish, sekretario, legas la lastajn ricevitajn telegramojn kaj kablogramojn, kiuj enhavas salutojn kaj bondezirojn por la Kongreso.

Li legas la tekston de letero, kiun li preparis por sendi al ĉiu el la personoj salutintaj la Kongreson.

Pro la foresto de S-ro Boirac, prezidanto de la Lingva Komitato, a sekretario resumas la diversajn partojn de la raporto de tiu Komitato, laŭ la presita dokumento preparita por prezenti al la Deka Kongreso en Parizo.

La Kongreso unuanime akceptas, formale danki S-ron Boirac pro la raporto de la Lingva Komitato, kaj esprimi al li sincerajn kondolencojn pro la morto de lia filo.

S-ro Cornish demandas, ĉu oni intencas eldoni la protokolon de la Kongreso, kaj ĉu la kongresanoj povos ricevi tiun protokolon senpage.

La sekretario klarigas, kiamaniere oni kutime aranĝas por la eldono de la protokoloj de la Kongresoj de Esperanto.

S-ro Parrish, sekretario, legas resumitan raporton de S-ro Generalo Sebert, Prezidanto de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, laŭ la dokumento presita por prezenti al la Deka Kongreso en Parizo.

La Kongreso decidas, aprobi la raporton kaj danki Generalon Sebert.

S-ro Peterson proponas, kaj la Kongreso aplaŭde aprobas, sendi leteron al D-ro Zamenhof, dankante lin pro lia laboro kaj sendante korajn kondolencojn pro la malfeliĉa stato en Polujo.

F-ino Leavitt diras, ke la Ŝtata Departemento en Washington jam dufoje provis informiĝi pri la nuna restadejo de D-ro Zamenhof, sed sen rezultatoj, kaj ŝi dubas, ke komunikaĵo atingos la adreson.

La prezidanto diras, ke oni devas tamen sendi salutan komunikaĵon.

La prezidanto rimarkigas, ke oni nun povas prezenti proponojn diskuti pri la rimedoj, rekonstrui Esperantujon post la milito.

S-ro Peterson diras, ke la bultenoj dissendataj de la franca kaj germana registaroj en Esperanto dum la milito, povos esti utiligataj kiel preparaj dokumentoj por tia rekonstruo de Esperantujo.

S-ro Vinzent proponas, ke la Sekretario de la Centra Oficejo en Parizo estu petata, sendi informpetojn al ĉiuj konataj societoj de Esperantistoj post la milito, por kolekti informojn pri la stato de nia movado.

La prezidanto diras, ke la Centra Oficejo estas en militanta lando, kaj ke ĝi tial ne povos plej efike interrilatiĝi la diverslandajn societojn nun apartigitajn de la milito.

F-ino McCaffrey diras, ke Svisujo estas neŭtrala lando, de kie oni eble povus gvidi la postmilitan laboron por reorganizado de la Esperantistaj interrilatoj.

S-ino Parrish laŭdas la laboron de Universala Esperanto-Asocio kaj deziras, ke la Kongreso rekomendu al ĉiuj esperantistoj la aliĝon al UEA, por plifortigi kaj plivastigi la nomitan asocion, kiu, laŭ ŝia opinio, havos grandan rolon por ludi en la aferoj de Esperantistoj post la milito.

S-ro Vinzent reprenas sian unuan proponon kaj anstataŭas ĝin per la propono: Ke la Kongreso konsilu al la Centra Oficejo de UEA, elsendi al ĉiuj konataj societoj de Esperantistoj informpetojn pri la stato de la movado en iliaj lokoj, kun la celo, plifaciligi per tiuj kolektitaj informoj la restarigon de amikaj interrilatoj post la milito.

S-ro Peterson atentigas, ke tiu propono ne enhavas la ideon, kiun esprimis S-ino Parrish, kaj kiu koncernas efektivan subtenon de UEA.

F-ino McCaffrey demandas, ĉu la Kongreso povas konsili, aŭ ĉu ne estus preferinde simple fari sugestion al la Centra Oficejo de UEA pri la citita enketo.

S-ro Cornish diras, ke estus preferinde rekomendi al UEA tian enketon.

La prezidanto klarigas, ke la Centra Oficejo en Parizo havas la plenan rajton fari la proponitan enketon, sen speciala rekomendo aŭ konsilo, sed multaj el ĝiaj membroj estas loĝantoj de Germanujo kaj Aŭstrio, kaj ili eble ne povus akordiĝi kun la ceteraj membroj de la K. K. K. por fari plej efike tian alvokon. Tamen, organizaĵo en neŭtrala lando povus plenumi tiun laboron, almenaŭ en la unua tempo post la milito.

S-ro Vinzent amendas sian proponon, anstataŭante la vorton „konsili" per „sugestii".

La Kongreso aprobas la amendon kaj akceptas la emenditan proponon.

Ĉar estas neniaj pluaj proponoj rilate la restarigon de internaciaj Esperantistaj rilatoj post la milito, oni fermas la diskutadon pri tiu temo.

S-ro Weaver proponas, ke la Kongreso ne diskutu la demandon pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn, ĉar tion oni jam priparolis en kunsidoj de E. A. N. A.

S-ro Myers ne konsentas kun S-ro Weaver kaj klarigas, ke niaj diskutoj pri la dirita temo povos esti valoraj, ne nur por usonaj sed ankaŭ por ĉiulandaj samideanoj. Li proponas:

Ke la Kongreso esprimu sian tre fortan deziron, ke la societoj kaj individuoj Esperantistaj faru ĉion eblan por atingi la enkondukon de Esperanto en ĉiujn lernejojn de la mondo.

La prezidanto diras, ke por la Kongreso en Skotujo la Organiza Komitato komencis enketon pri Esperanto en la lernejoj. Li rakontas el sia propra sperto pri la franca urbo Lille, kie, antaŭ la milito, oni instruadis regule kaj devige Esperanton en la lernejoj. Li denove atentigas al la kongresanoj, ke tie ĉi oni ne povas formale decidi, sed povas nur esprimi dezirojn kaj rekomendi. Tamen, niaj diskutoj povus esti gvidiloj por la sekvantaj kongresoj kaj subteno de la agado de la naciaj kongresoj de Esperanto, kaj ke oni devus tial konsideri kaj pridiskuti rimedojn ankaŭ.

S-ro Myers opinias, ke oni devos lasi ĝis post la milito efektivan agadon, ĉar por nia laboro en Usono ni bezonos la spertojn de Eŭropaj lernejoj kaj instruistoj, antaŭ ol plej trafe labori.

S-ino Parrish diras, ke en Eŭropo ekzistis, antaŭ la milito, societo aŭ societoj de Esperantistaj instruistoj, kaj ke la instruistoj en Usono devus interrilati kun tiuj por fari akordan laboron.

Post plia diskutado, la Kongreso akceptas la proponon de S-ro Myers.

S-ro Myers klarigas pri la instruado de Esperanto en la liceo de Redwood City. La liceo akceptas Esperanton kiel regulan lernejan temon, sed la universitatoj ne ankoraŭ donas kreditojn por Esperantaj diplomoj. Li opinias, ke, se la universitatoj akceptus Esperanton samvalore kiel aliajn lingvojn, la malsuperaj lernejoj pli volonte donus instruadon en Esperanto.

La prezidanto dankas S-ron Meyers pro la raporto, kaj la Kongreso esprimas la deziron, ke oni provu atingi la intereson de universitataj instruistoj pri Esperanto.

*Dua labora Kunsido*

S-ro Robert Colquhoun, prezidanto de la Kongreso, malfermas la kunsidon (27 aŭgusto) je 11. 35 h. matene en ĉambro J. de la Urba Aŭditorio.

La prezidanto legas salutajn kablogramojn de la danaj kaj belgaj Esperantistoj, kaj la Kongreso aplaŭde dankas la salutintojn.

La sekretario legas tezon ĵus ricevitan de D-ro D. O. S. Lowell, ĉefinstruisto de la Roxbury Latina Lernejo, Bostono, pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

S-ro Cornish proponas, post la lego de la dirita tezo, ke la Kongreso zorgu pri la enpresado kaj disdonado de tiu verko, kiu ŝajnas al li tre grava dokumento.

F-ino McCaffrey, help-sekretariino de la American Esperantist K-io, diras, ke „Amerika Esperantisto“ povos enpresi la tezon en baldaŭa numero.

La prezidanto atentigas, ke, se estas neniaj pliaj proponoj aŭ diskutado pri la temo „Esperanto kaj lernejoj“, oni devas nun konsideri proponojn pri la okazigo de la XIIa Universala Kongreso de Esperanto.

F-ino Leavitt diras, ke en la kunsido de la nacia asocio E. A. N. A., estis legata formala telegrafa invito de la urbo Annapolis (Maryland) por la IXa nacia Kongreso kaj la XIIa Universala Kongreso, kaj ŝi proponas, ke la Kongreso serioze konsideru tiun inviton.

Kolonelo Poŝtnikov diras, ke se oni dezirus lokigi la sekvantan Kongreson kiel eble plej malproksime de la militejo, ĝi devus okazi en Tokio.

S-ino Parrish atentigas, ke la Kongreso povas nur konsideri ricevitajn invitojn, kaj diras, ke Kopenhago jam invitis la Kongreson por 1916, kaj ke tiu urbo, en letero al la Konstanta Komitato de la Kongresoj, denove invitas la Kongreson al Kopenhago post la milito.

S-ro Myers prezentas la jenan proponon:

„Ĉar la Konstanta Komitato de la Kongresoj verŝajne decidos pri la loko de la XIIa Universala Kongreso de Esperanto;

Ĉar la danaj Esperantistoj jam invitis kaj ankoraŭ invitas la XIIan Kongreson al Kopenhago; kaj

Ĉar UEA sin trovas en neŭtrala lando, kaj povis konservi amikajn rilatojn kun la diversaj nacioj;

La XIa Universala Kongreso de Esperanto rekomendas, ke UEA estu komisiata, kunvoki la XIIan Kongreson en neŭtrala lando post la milito; kaj

Se Danujo restos neŭtrala ĝis la fino de la milito, ke UEA, interkonsente kun la danaj Esperantistoj, kunvoku la XIIan Universalan Kongreson de Esperanto en Kopenhago, post la milito.“

S-ro Weaver apogas la proponon de S-ro Myers.

La prezidanto demandas, ĉu estas aliaj proponoj aŭ invitoj, kiujn oni devus konsideri, antaŭ ol voĉdoni pri la propono de S-ro Myers.

S-ro Gorham diras, ke verŝajne la milito daŭros tro longe, kaj ke oni povus okazigi intertempe la XIIan Kongreson en Suda Ameriko.

F-ino Leavitt esprimas siajn bedaŭrojn, ke okazos la manko en la vico de Universalaj ĉiujaraj kongresoj de Esperanto, kaj deziras, ke nepre okazu kongreso en 1916.

S-ro Myers diras, ke la Kongreso nur povas konsideri invitojn, kaj ke la decidon pri la loko kaj dato de la Kongreso oni devos lasi al la korespondaj organizaĵoj.

La prezidanto opinias, ke la seninterrompa sinsekvo de niaj kongresoj ne estas tiom grava afero, precipe kiam la milito malhelpas ilian plenan sukceson.

S-ro Weaver deziras, kaj la Kongreso akceptas, ke la teksto de la invito de Annapolis aperu en la protokolo. Jen la teksto (tradukita) de tiu invito: „Annapolis, Maryland, invitas la Dek-duan Universalan Kongreson de Esperanto, kaj la Naŭan Nacian Kongreson de la E. A. N. A., kunsidi tie ĉi en 1916. Ŝtatestro Goldsborough proponas la Ŝtatdomon por la kunsidoj. Tie ĉi estis akceptata la unua ŝtata leĝo permesanta la instruadon de Esperanto en la lernejoj. Pastro James L. Smiley.“

S-ino Parrish proponas, ke oni voĉdonu pri la invito de la danaj Esperantistoj, kaj pri la propono de S-ro Myers.

La Kongreso unuanime akceptas tiun proponon.

F-ino Leavitt proponas, kaj la Kongreso akceptas, danki la diversajn organizaĵojn, kiujn invitis la Kongreson por 1916.

La prezidanto atentigas al la kongresanoj pri la saluto al la Kongreso presita en la gazeto „The Republic“, kaj la Kongreso akceptas, danki la gazeton kaj la verkinton de la saluto.

S-ro Kolonelo Poŝtnikov petas la parolon por diri kelkajn vortojn pri la graveco de plimultaj Esperantaj gazetoj por nia movado en Usono.

S-ro Myers prezentas al la Kongreso rezolucion, por danki la organizintojn de la Kongreso, kaj la Direktoron de la Ekspozicia Oficejo de Kongresoj, S-ron James A. Barr, kies helpo multe faciligis la organizon kaj reklamadon de la Kongreso.

S-ro Kolonelo Poŝtnikov diras, ke la rezolucio ne citas la nomojn de ĉiuj organizintoj de la Kongreso.

S-ro Myers klarigas, kaj la Kongreso akceptas la rezolucion, danki la organizintojn de la Kongreso, kaj precipe S-ron James A. Barr, Direktoron de la Ekspozicia Oficejo de Kongresoj.

La prezidanto anoncas pri „Esperanto-Tago“ ĉe la Ekspozicio, kaj S-ro Cornish urĝas, ke ĉiuj Esperantistoj ĉeestu je la fiksita horo.

S-ino Parrish proponas, kaj la kongresanoj aklame akceptu, danki S-ron Robert Colquhoun, pro lia laboro kiel prezidanto de la Kongreso.

S-ro Colquhoun respondas, ke li konsideras la honoron ne persona, sed farita al li kiel reprezentanto de Skotujo.

*Solena Ferma Kunsido*

La kunsido malfermiĝis je 9. 40 h. mat. en Recital Hall de Festival Hall, ĉe la Ekspozicio, 28 aŭgusto.

S-ro Juĝisto Daingerfield prezidas la kunsidon.

S-ro Juĝisto Daingerfield alparolas la kongresanojn (angle), kaj prezentas reprezentanton de la Ekspozicio, S-ron Vogelsang.

S-ro Vogelsang diras kelkajn trafajn vortojn pri la Kongresoj de Esperanto en San Francisko, kaj donacas tri bronzajn medalojn por memorigi la okazon.

F-ino McCaffrey akceptas la medalon por la Esperanto-Asocio de Norda Ameriko.

S-ro Juĝisto Daingerfield akceptas la medalon por la XIa Universala Kongreso de Esperanto.

S-ro Parrish akceptas la medalon por Universala Esperanto-Asocio.

S-ro Parrisch, sekretario, legas la protokolon de la antaŭa kunsido.

S-ro Myers petas, kaj la Kongreso akceptas, ke la rezolucio preparita de li kaj prezentita en la lasta kunsido aperu laŭvorte en la protokolo. La teksto de tiu rezolucio estas la jena:

„Kiel Komitato por Rezolucioj, ni proponas:

1e Niajn korajn dankojn al la nelaciĝa fervora amiko, kiu per sia penado, mane kaj cerbe, dum tagoj kaj noktoj, senĉese kaj senrekompence, faris sian eblon por ebligi, ne nur la Kongreson de la Esperanto-Asocio de Norda Ameriko sed ankaŭ la Dek-unuan Universalan Kongreson de Esperanto, S-ron D. E. Parrish;

2e Nian ŝaton pro la agado de la Agada Komitato de la Kongreso, kiu zorgis pri la kongresaj detaloj, kaj niajn dankojn pro ilia afabla gastemeco;

3e Nian dankon al la Kalifornia Esperantista Rondo por iliaj kunlaboro kaj bonkora invito; kaj

4e Ĉar la Oficejo por Kongresoj, ĉe la Panama-Pacifika Internacia Ekspozicio, bonvole presigis kaj dissendis multajn presaĵojn al diversaj urboj kaj landoj, kaj ĉiel helpis S-ron Parrish en lia penado, ni prezentas al tiu Oficejo nian dankon, kaj konsilas, ke la Sekretario skribu dankleteron al la Direktoro de tiu Oficejo, S-ron James A. Barr;

5e Niajn sincerajn dankojn al ĉiuj, kiuj per siaj penoj faris nian Kongreson interesa, helpa kaj amuza.

La sekretario legas la titolojn de la verkoj ricevitaj en la tri kategorioj de la literatura konkurso. Li anoncas, ke la ricevitaj verkoj estos sendataj, tuj post la fino de la Kongreso, al kompetenta juĝantaro, kaj ke la premiitaj verkoj aperos en „*Amerika Esperantisto*".

*(Daŭrigota.)*

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Britujo.

*Birmingham:* La Kooperativa Societo interesiĝas al Esp. kaj verŝajne aranĝos kursojn. La vintra sezono rekomencis per jara kunveno en la Midland Instituto. — *Edinburgh:* La Esp. Somerlernejo estis grava sukceso; ĉeestis 27 personoj el diversaj partoj de Britujo, kaj ricevis multe da plezuro kaj profito de la kursoj, ekskursoj kaj distraĵoj, kiujn oni provizis por la lernantoj. Okazis ĉiumatene duhora kurso; ĝin lerte estris S-ro Montagu C. Butler, el Londono, kiu sukcese klopodis adapti sian instruadon tiom kiom eble al la bezonoj de ĉiu kursano. Post la ĉiutaga instruo la lernantoj tagmanĝis kune kaj faris ekskurson al la vidindaĵoj de la urbo. Vespere, okazis festeto aŭ alia distraĵo. Estas esperinde, ke la proksiman jaron iu alia grupo ripetos la eksperimenton, kiu havis tiel kontentigajn sukcesojn. — *Leeds:* Ozazis la kvaronjara kunveno de la Federacio de Yorkshire; ĉeestis 70 delegitoj kaj membroj. S-ro Jos. Rhodes, prezidanto, salutis la ĉeestantojn kaj aludis pri la servoj de Esp. dum la milito. La proksima kunveno okazos en Huddersfield la 2 oktobro. — *Liverpool:* La 30a kvaronjara konferenco de la Federacio Esp. de Lancashire kaj Cheshire okazis la 28 aŭgusto. Pro ĝia neformaleco oni ne estis akceptata de iu publika persono kiel kutime. Posttagmeze la kunvenintoj faris vizitojn al lokaj interesaĵoj kaj post la temanĝo partoprenis bone aranĝitan koncerton kaj dancadon. — *London:* La vintraj kursoj de la grupo Hammersmith rekomencos en oktobro. La grupo Wood Green aranĝis sukcesan ekskurson, ĉe kiu partoprenis reprezentantoj de kvar nacioj. La Esperantaj diservoj okazas ĉiumonate en Harecourt Church.

## Bulgarujo.

*Haskovo:* S-ro Petro Georgiev, el Karlovo, vizitis la grupon kaj faris sukcesan paroladon ĉe la urba ĝardeno. — *Karlovo:* La lernanta grupo „Ni venkos!" organizas regule ĉiusemajnajn kunvenojn dum la somera libertempo. La gimnazianoj tre interesiĝas.

## Francujo.

Laŭ la gazeto „France-Esperanto", ni ekscias, ke kursoj estas farataj en la tranĉeoj, kaj multaj novaj adeptoj jam skribas nian lingvon. Kurso ankaŭ okazas inter la militistaj volontuloj de diversaj nacioj. — *Angers:* S-ro H. Muffang daŭrigas siajn artikolojn en la gazetoj de la regiono. La gazeto „Petit Courrier" aperigas tre interesan kronikon. — *Antibes:* La vintraj studkursoj estis fidele sekvataj; la rezultato estis tre kontentiga. Sep kandidatoj prezentiĝis je la ekzameno kaj sukcesis. Dum somero ĉiusemajna kunveno ĉe F-ino Marguet, prez. En la grupo fondiĝis sekcio kun celo skribi blindulan skribarton (Braille). Akademieto ankaŭ fondiĝis. — *Beauvais:* S-ro Demarcy faris paroladon antaŭ 300 kriplaj militistoj; la gazeto „Le Démocrate hebdomadaire" publikigas oftajn artikolojn de S-ro Demarcy. — *Château-Thierry:* S-ro Delanoue, Del., faras kurson al 23 junulinoj de la Normala Lernejo, kies direktorino ĉeestas. — *Quimper:* En la internigejo de insulo Sieck, Esp. disvastiĝas ĉe la civilkaptitoj; jam kelkaj el ili bone skribas kaj parolas nian lingvon.

## Germanujo.

*Altengrabow:* Ĉe la militkaptitejo estis organizitaj du novaj kursoj, unu por malnovaj lernantoj, gvidata de S-ro G. Azambre, el Marvilles (Nord) kaj unu elementa de S-ro Th. Penisson, el Villeneuve-St-Georges (Seine-et-Oise). Paralele al la francaj kursoj, kiujn vizitas multaj belgoj (flandroj kaj valonoj), okazos rusa kurso. Dank' al tio la diversnaciaj kaptitoj povas facile interparoladi. — *Leipzig:* En gazetraporto pri kunsido de la germana Ligo de la hotelistoj, oni legas pri la decido, ke estonte la manĝaĵkartoj de la germanaj hoteloj estos skribitaj en germana kaj Esperanta lingvo. — *Münster i. W.:* S-ro Petit, franca militkaptito, sukcesis lastan vintron instrui nian lingvon al 120 lernantoj. Li nun faros pluajn paroladojn kaj malfermos novajn kursojn. Ĉiu sendo de propagandiloj kaj legaĵoj estas danke akceptata. Adreso: S-ro Petit, 4a grupo, Lager I, Münster i. W.

## Nederlando.

*Bussum:* Okazis la unua norda Esp. tago de la Katolikaj Esp-istoj. Ĉeestis ĉ. 100 personoj el diversaj partoj de Nederlando. La sukceso estis plena. Okaze de tio estis aranĝita granda propaganda kunveno, kie paroladis S-roj Heilker kaj Pastoor. — *Zeist:* En la tendaro de la internigitoj okazis ekspozicio de kajeroj de la lernantoj vizitantaj diversajn kursojn. Tiuj de la Esp. kurso altiris la atenton de multaj vizitantoj. Baldaŭ komencos tria kurso kun 20 lernantoj.

## Portugalujo.

*Funŝalo* (Madeira): La grupo „Verda Stelo", fondita la 3 novembro 1912, havas nun pli ol 100 membrojn, kaj tie funkcias du kursoj gvidataj de S-ro Ernesto C. Pereira. Ĝia estraro estas la jena: Prez. P. d' Oliveira e Castro; vicprez. J. F. Castro; sekr.

F. G. Pulgueira kaj M. F. Junior; kas. A. Silva Leça; direktoroj G. A. Cabral kaj P. A. Rodrigues. Baldaŭ okazos Esp. ekspozicio de poŝtkartoj. — *Lisbono:* Malfermiĝis Esp. kurso ĉe la Lisbona Esp. Grupo. Okazis malferma kunveno en kiu paroladis S-ro R. Horner pri „Lingvaj kuriozaĵoj" kaj S-ro Martins d'Almeida, Del., pri „La simpleco de l'verboj en Esp.". Ambaŭ paroladoj tre allogis la novajn lernantojn kaj aliajn ĉeestintojn; la gazetoj detale raportis. — Fondiĝis grupo en *Loanda* (Portugala Afriko).

## Rusujo.

*Kozlov:* Dank' al iniciato de S-ro Sivjakov, loka librejo aranĝis tre bonan Esp. ekspozicion. — *Ligovo:* La loka rondeto aranĝis ekspozicion en kinematografejo. — *Kazan:* Aŭstria civilkaptito S-ro Tadeus Kacieĉak aranĝis kurson por ĉi-tieaj civilkaptitoj. — *Kiew:* Okazis sukcesa tekoncerto. Lastatempe estis akceptitaj eksterurbaj samideanoj. — *Moskvo:* Ĉe la someraj kursoj por instruistoj pri eksterlerneja instruado, S-ro Bilinskij aranĝis efikan propagandon inter la kursanoj. S-ro Bogdanoviĉ tralegis raporton, kiu vekis viglan intereson. Multaj el la ĉeestantoj esprimis la deziron, reveninte hejmen, serioze studi nian lingvon. — *Vilno:* Nova kurso funkcias sub la gvidado de S-ro Grigoroviĉ; la societon vizitis de la 1 marto ĝis nun 600 personoj, interalie eksterurbanoj. — *Zolotonosâ:* S-ro Valentinov, redaktoro de Kovno-Esperanto, tre multe propagandis inter kuracistoj de loka milita hospitalo, juristoj, oficistoj, k. t. p.

## Serbujo.

*Ĉuprija:* Okazas militkaptita kurso, kiun instruas S-ro inĝ. L. Berger. Lernaj helpiloj estas danke akceptataj.

## Svedujo.

*Söderhanen:* Laŭ la iniciato de S-ro Einar Adamson fondiĝis grupo, kiu jam kalkulas 25 membrojn. Kurso baldaŭ okazos. — *Upsala:* La grupo de Gävle aranĝis sukcesan ekskurson al la malnova universitata urbo Upsala; pli ol 20 personoj partoprenis.

## Argentino.

Komunikaĵo de Argentinaj Esperantistoj: En la lastaj monatoj multe progresis nia afero. La samideanoj en *Buenos Aires* malfermis novajn kursojn kun sukceso. En Coronel Pringles S-ro Elias Iparraguirre estas malfermonta la unuan kurson en tiu urbo. En Tornquist, Villaba kaj aliaj urboj en la provinco Buenos Aires estas favoraj signoj pri enradikiĝo de Esperantismo. En Córdoba, Rosario de Sta-Fe, Berabebú, k. a. niaj samideanoj estas nun bedaŭrinde tro silentemaj por Esperanto. Sed Bahia Blanka fariĝas vera fokuso Argentina de radiado Esperantista. Tie la Ateneo Esperantista organizis la unuajn ekzamenojn de Esperanto en ĉi tiu lando kaj atingis veran sukceson: naŭ el la unuaj gelernantoj de Esperanto en Bahia Blanka konkeris la „Diplomo pri Lernado" tra malfacilaj skribaj kaj parolaj provoj. Altrangaj lernejaj aŭtoritatuloj ĉeestis la ekzamenojn de la Ateneo Esperantista, kaj ili entuziasme gratulis ekzamenintojn kaj ekzamenitojn. Kelkajn semajnojn post la ekzamenoj estis okazigata publika granda festo por la disdonado de premioj kaj diplomoj kaj por propagando. Ĝi havis lokon en granda „Teatro Colón" laŭ interesega programo el muzikaĵoj, paroladoj kaj ludaĵoj. Pli ol mil personoj ĉeestis nian feston, kaj sendube ion ili lernis pri Esperanto. Kvin novaj kursoj estas malfermitaj kun sukceso. Unu el ili estas supera kurso speciala por ekzamenotoj kaj kandidatoj al „Diplomo pri Kapableco". La ceteraj estas ĉiuj por komencantoj. S-ro Salguero gvidas unu el tiuj, kaj la aliaj estas gvidataj de S-ro D. I. Dalmau. Dum la terura Milito en multaj landoj malhelpas la Esperanteman bataladon de multaj samideanoj, ni konscias, ke ni devas pli ol iam subteni kaj antaŭenpuŝi plej forte nian aferon!

## Japanujo.

*Jokoska:* La tiea societo komencis siajn kutimajn kursojn sub la gvidado de S-roj Ossaka kaj Aizaŭa. — *Kanazawa:* S-ro Asai gvidas kursojn, el kiuj estas plej citinda speciala kurso por fervojistoj.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Asocia jaro 1916.** — Ni kore dankas ĉiujn personojn, kiuj malgraŭ la malfacilaj cirkonstancoj kaj la neapero de la nunjara Jarlibro, bonvolis repagi sian kotizaĵon por la kuranta jaro, kaj tiamaniere helpis al nia Oficejo ne sole travivi la militmonatojn, sed ankaŭ plenumi multnombrajn humanajn servojn, kiuj en ĉiuj rondoj diskonigis nian organizaĵon.

Kiel ni anoncis en nia lasta N-ro, ni intencas aperigi la Oficialan Jarlibron de UEA pro 1916 en iom malpli granda amplekso ol je la normalaj jaroj. Tiu ĉi eldono estos pretigata dum oktobro-novembro, kaj, se ne okazas neantaŭviditaj malhelpoj, aperos fine de la nuna jaro. Ĝin ricevos ĉiuj membroj pagontaj la kotizaĵon por 1916. Tiu ĉi kotizaĵo, kiel kutime 2. 50 Fr. por ordinara membro kaj 5 Fr. por subtenanto, estas pagebla de la 1 oktobro 1915 al ĉiuj Delegitoj kaj al la C. O. de UEA.

**Oficiala Jarlibro.** — Ni rememorigas, ke oni bonvolu tuj de nun komuniki al ni la nom- kaj adresŝanĝojn en listo de la Delegitoj. En la lokoj, kie pro mobilizo la Delegito forestas, ni enskribos ankaŭ la nomon kaj adreson de la provizora anstataŭanto.

Nia Jarlibro estos unu el la tre malmultaj internaciaj eldonaĵoj aperantaj dum la milito. Oni do facile komprenas, ke ĝi bone taŭgas kiel reklamilo, tial, ke ĝi povas enpenetri ĉiulanden. Ni do tre petas niajn Del. kaj membrojn en la neŭtralaj landoj, ke ili bonvolu konigi nian Jarlibron en tiu rilato. Ni akceptas anoncojn *nur de nemilitantaj landoj* laŭ la jene rabatita tarifo:

| | |
|---|---|
| 1 paĝo = 30. — Frankoj | ¼ paĝo = 7. 50 Frankoj |
| ½ „ = 15. — „ | ⅛ „ = 4. — „ |

2 linioj = 1. 50 Frankoj.

**Kotizaĵoj por 1915.** — Je la 31 aŭgusto estis enkasigitaj 2565 kotizaĵoj (el kiuj 134 subtenantoj kaj 144 dumvivaj membroj). — *Esperantiaj Entreprenoj:* 103.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato aŭgusto:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 1,994 | 2,769 |

*Tuta sumo:* 4,763. (Antaŭa monato: 7,441.)

**Novaj Delegitoj.**

*Kazanava* (Japanujo, Hokrik). — D.: S-ro Erin Asai, studento, 43, Tatemaĉi.

*Madison* (Usono, Wisconsin). — D.: S-ro H. Wilder Haines, 629, N. Frances street.

*Urbana* (Usono, Illinois). — D.: S-ro George P. Ferree, 508, N. Goodwin avenue.

**Rimarkoj.**

*Trieste* (Aŭstrio). — Pro forveturo de la Del. oni sin turnu al la VD. ĝis nova sciigo.

Provizore ne plu estas Delegito en jenaj regionoj: *Grant Park* (Usono); *Pinceton* (Usono); *Sutton* (Anglujo).

**Adresŝanĝoj.**

*Auckland* (Nov-Zelando). — VD.: P. England, P. O. Box 853.

*Kassel* (Germanujo, Hessen-Nassau). — D.: S-ro J. Ameln, Standeplatz 9.

*Los Angeles* (Usono, California). — D.: S-ro C. E. Kodil, 1022, S. Hope street.

Post la okupo de Varsovio, fervora samideano el Dresdeno vizitis *D-ron Zamenhof*. Ni ĝojas anonci al la Esperantistaro, ke malgraŭ la sieĝado de Varsovio kaj konsekvencaj malfacilaĵoj, Ges-roj Zamenhof troviĝas en bona sanstato. La nova adreso de D-ro Zamenhof estas: ul. Krolewska 41, Varsovio.

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al ilia familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Belperron,** instruisto, el Bief-du-Bourg (Franc.).
**Bonhomme,** el Orange (Franc.), membro N-ro 3960.
**Fritz,** el Lecelles ap. St-Amand (Franc.).
**Götzel,** el Waldenburg i. Schl. (German.).
**Gottmaier,** el München (German.).
**Grosse,** el Radebeul-Oberlössnitz (German.).
**Heinze,** el Zittau (German.).
**Hölscher,** el Aachen (German.), membro N-ro 7078.
**Kaucher,** el Bad-Homburg (German.).
**Kost,** el Cannstatt (German.).
**Krause,** el Lauban (German.).
**Küssing,** el Danzig (German.).
**Nal,** el Orange (Franc.).
**Obermaier,** el Waldkirchen (German.).
**Pape,** el Dresden (German.).
**Petri,** el Gera (German.).
**Picard,** el Poligny (Franc.).
**Reimann,** el Waldenburg i. Schl. (German.).
**Freiherr v. Reinsperg,** el Breslau (German.).
**Schwöbel,** el Frankfurt a./M. (German.).
**Wahl,** el Hamburg (German.), membro N-ro 7605.
**Witzgall,** el Münster (German.).

* * *

Laŭ la informa bulteno „*France-Esperanto*“ ni ekscias la morton de komandanto **Lemaire,** kiu ludis gravan rolon en la belga Esperantista movado. Esperantisto jam de unuaj jaroj, li tre fervore propagandis por nia afero, kaj dank' al sia agemo instigis la fondon de multaj grupoj en Belgujo. En la jaro 1901, li fondis la gazeton „*Belga Sonorilo*“. Pli malfrue, je la momento de la reforma krizo, komandanto Lemaire transiris al Ido kaj vigle batalis por reformoj. Tiu fakto ne devas forgesigi la gravajn servojn, kiujn li faris por nia movado en la malfacila komenca periodo, kaj lian sindoneman laboron por la internacilingva afero, je kiu li ĉiam restis fidela. S-ro komandanto Lemaire faris plurajn ekspediciojn tra Kongolando kaj publikigis diversajn verkojn pri tiu lando.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Deka listo*

*Azambre, G.*, el Marcilles (Franc.), Altengrabow.
*Baumann, T.*, Del., Château-Salins, garantiulo, nun en Bayonne (Franc.), 16, rue de la Salie.
*Gruhlke, Fr.*, el Germanujo, Ahmednagar (Brita Indio).
*Omlor, A.*, Del., St. Ingbert, Depôt des prisonniers de guerre (Kranken-Abteilung), Servières, gare Argentat (Corrèze, Franc.).
*Petit, J.*, el Paris, 4a grupo, Lager I, Münster i. W.
*Szuchot, J.*, el Hungario, civilkaptito, Ile de Pieck, par la préfecture de Quimper (Finistère, Franc.).

* * *

S-ro *Victor Hitzel*, el Levallois-Perret (Franc.), membro N-ro 4403, malaperis apud Soissons.

S-ro *Le Breton*, el Paris, membro N-ro 7759, malaperis dum aŭgusto.

Ĉiujn ajn informojn pri tiuj malaperintoj oni bonvolu komuniki al la C. O. de UEA.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj adreson de la militkaptitaj Esperantistoj, kies adreso estas konata.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO